43a Jaro · N-ro 4a · Oktobro 1951

# BELGA ESPERANTISTO

DUMONATA REVUO, OFICIALA ORGANO
DE
REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA
Asocio sen profita celo, aliĝanta al UNIVERSALA ESPERANTO - ASOCIO
SOCIA SIDEJO : 19, avenuo Montjoie, BRUSELO
Respondeca redaktoro : D-ro P. Kempeneers.

## 36ª Universala Kongreso de Esperanto



D-ro P. KEMPENEERS,
Prezidanto de la Kongreso,
parolas ĉe la inaŭguro de la Esperanto Placo.

*Foto Apel. Kliŝo afable pruntedonita de « Esperanto Kurier ».*

BELGA ESPERANTO-INSTITUTO, koopera societo.
26, Oostenstraat, Antverpeno.

---

| | |
|---|---|
| **Originala Verkaro de D-ro ZAMENHOF**, lukse bindita ... ... ... | fr. 152,— |
| Fundamenta Krestomatio... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 80,— |
| **ISBRUECKER : Historio kaj Organizo de la Esperanto-movado** ... ... | 17,— |
| **PRIVAT : Historio de Esperanto**, du volumoj, kartonitaj, kune ... ... | 54,— |

Ankaŭ ĉiujn aliajn Esperanto-eldonaĵojn oni povas mendi ĉe **Belga Esperanto-Instituto, 26, Oostenstraat, Antverpeno.**

Pagu la sumon al poŝtĉekkonto 1689.58 kaj indiku la objekton de la mendo sur la dorsflanko de via pagilo.

Belga Esperanto-Instituto akceptas abonojn al eksterlandaj Esperanto-gazetoj.

BELGA ESPERANTISTO
OFICIALA ORGANO DE REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA

43a Jaro — Oktobro 1951 — N-ro 4a

# 36ª Universala Kongreso de Esperanto

## Munkeno, 4a ĝis 11a de Aŭgusto 1951.

*Belga partoprenanto promesis raporton pri la Kongreso. Bedaŭrindaj cirkonstancoj ne permesis efektivigi tiun promeson. Por ne prokrastigi la aperon de la gazeto ni represas grandajn partojn el la raporto presita en « Franca Esperantisto ».*

La ĝenerala konstato estas : seriozeco de la kunsidoj, intensa laboro de komitatanoj de U.E.A. kaj prezidantoj de sekcioj, majstraj paroladoj ĉe grandaj kunsidoj, ĝenerala bona nivelo de la krongresanoj rilate al uzado de la lingvo. Pri praktikaj aranĝoj kaj distraĵoj, organizo fare de L.K.K. povis esti iom da seniluziiĝo por tiuj kiuj rememoris la Kongreson en Parizo. Kaj pri la ekskursoj multe kulpis... la senkompata vetero.

### SOLENA MALFERMO

Impona, iom severa, estis la Kongresa salonego de la « Germana Muzeo », kie okazis la malferma kunsido. La granda orgeno aŭdigis sian fortan voĉon por prepari la ĉeestantaron je tiu solenaĵo.

D-ro Paul Kempeneers, Vic-Prezidanto de U.E.A., prezidis la Kongreson en foresto de la Prezidanto Malmgren kies sanstato ne ebligis fari la vojaĝon. « Pli ol teoriaj konsideroj, diris D-ro Kempeneers, praktika agado helpos al nia afero; ni devas montri al aliaj plurlingvaj internaciaj organizajoj, ke nia vojo en la laboro estas pli mallonga ol la iliaj. »

Donis fortan impreson la nombro de reprezentantoj de oficialaj instancoj. Ni notu la paroladojn de D-ro Keim, reprezentanto de la Bavara Ministro pri Edukado kaj Kulturo, D-ro Kneuer, Prezidanto de registaro de Supera Bavario, D-ro Fingerle, lerneja urba konsilanto, reprezentanto de la ĉefurbestro de Munkeno, D-ro Schuchmann, Direktoro de la Fervejoj, reprezentanto de la Ministro por Trafiko.

Poste venis salutparoladoj de Konsuloj kaj rajtigitaj personoj nome de eksterlandaj registaroj (¹). Siavice, la landaj Esperanto-asocioj salutis la Kongreson pere de siaj reprezentantoj (²). Fine la ĉeestantoj ĝuis fortegan paroladon de D-ro Edmond Privat. Nia eminenta samideano akcentis, ke la forto de nia afero venas el la idealo, el la morala potenco de la samideanaro. La lumo kiu kondukas ĝin estas la verda lumo, kiu estas internacie rekonita kiel signalo de permeso de transpaso, de libereco. Eĉ se lumo estas malforta en nokto, ĝi tamen brilas kaj montras la vojon : tiun difinitan de Zamenhof, tiun de la Homaranismo.

(¹) Nome de la Belga Registaro, la kongreson salutis D-ro P. Kempeneers, Prezidanto de Reĝa Belga Ligo Esperantista, Vic-Prezidanto de U.E.A.

(²) Por Reĝa Belga Ligo Esperantista parolis S-ino Plyson, kasistino de R.B.L.E.

## LABORO DE LA KVAR SEKCIOJ

Laŭ la kutimo, la laboron dividis kvar sekcioj kiuj kunsidis aparte sub prezido de famkonata samideano. Ĝenerale, ili mem faris sub-komisionojn provizorajn kiuj alprenis parton de la diskuto kaj kondensigis ĝin je rezolucioj. La resumoj aŭ rezolucioj estis komunikitaj al la posta ĝenerala kunsido de la Kongreso.

La laboro de la sekcioj resumiĝas jene :

1a Sekcio : **Esperanto en la Edukado de Plenkreskuloj.** — La sekcio pristudis kelkajn formojn plej celtrafajn por allogi kaj reteni plenkreskulojn. Ĝi rekomendis la propagandon kaj kursojn en regionaj gazetoj laŭ sperto de nederlanda samideano. Ĝi eldiris rezolucion kiu rekomendas al instancoj kies celo estas la edukado de plenkreskuloj, ke ili enmetu la lernigon de Esperanto en siajn programojn.

2a Sekcio : **Esperanto en Scienco kaj Tekniko.** — La sekcio serĉis la plej bonan vojon por pligrandigi la nombron de sciencaj eldonaĵoj en nia lingvo. Ĝi alvokas la sciencistaron per speciale trafa alparolo.

3a Sekcio : **Esperanto en Internaciaj Intelektaj Interŝanĝoj.** — La sekcio faris rezolucion pri listo de eldonotaj literaturaj verkoj. Ĝi konsideris la proponon de la 4a sekcio formi teatran grupon kiu ludus okaze de turismaj renkontoj.

4a Sekcio. — La kvara sekcio interesiĝis pri uzo de Esperanto en hoteloj. Klopodoj estu faritaj por ke la hoteloj kiuj havas servistojn parolantaj nian lingvon havu specialan ŝildon. Ĝi deziras, ke dum Universalaj Kongresoj estu organizataj prelegoj kaj vizitoj pri lokaj vidindaĵoj kun kultura intereso.

## KONKURSOJ

En la belarta konkurso, treege estis bedaŭrita la foresto de la sekretario de la komisiono, S-ro Reto Rossetti. Gajnis la du unuajn premiojn S-ro Vanĉik kaj Musella pri poezio originala; gajnis la 3an kaj 4an premiojn S-ro William Auld.

La oratora konkurso, sub la tute kompetenta prezideco de D-ro Lapenna, montris ne sufiĉan partoprenon de la junularo kiu ne abunde kuraĝis alfronti la publikon. Tamen, se ne estis la kvanto, estis la kvalito en la persono de la tri gajnintoj : S-ro Minnaja (13jara), S-ro Albaut, S-ro Uhde.

## SOMERA UNIVERSITATO

La graveco de la Somera Universitato estas tute substrekinda. Profesoroj el diversaj landaj Universitatoj kiuj venas prelegi en la sama lingvo antaŭ personoj el ĉirkaŭ 40 nacioj, tio estas grava evento kun despli granda valoro, ke la nuna tendenco estas alvoki universitatajn mediojn.

La Somera Universitato estis akceptita de la Ludoviko Maksimiliano Universitato en Munkeno, sub alta patroneco de Rektoro D-ro Michael Schmauss. Ok profesoroj faris plej rimarkindajn prelegojn. Tiu de Profesoro G. Canuto el la Universitato de Parma pri « Problemoj de Eŭtanazio », havis ĉirkaŭ 800 aŭdantojn spite al la iom severa temo. Tiu de D-ro Edmond Privat el la Universitato de Neufchâtel (Svisujo) pri « Tolstoï kaj Gandhi » ricevis pro sia majstreco ankoraŭ pli grandan sukceson. Se tiuj prelegoj estos eldonitaj, ni neniam tro rekomendos al niaj legantoj la aĉeton de la aperonta libreto.

## ESPERANTO PLACO

La L.K.K. meritas plej varmajn gratulojn pro la sukcesinta klopodo por nomigo en Munkeno de « Esperanto-Platz » (Esperanto-Placo). Tiun oni inaŭguris ceremonie kun muziko kaj prelego de la Urbestro. La tiel nomita placo troviĝas en agrabla kvartalo, fronte de parko kun granda statuo de « Bavaria »; do la propaganda efiko estos despli bona ke la loko havas turisman valoron.

## ĜENERALA KAJ FERMA KUNSIDOJ

Dum ĝenerala kunsido, la tuta kongresanaro ricevis informojn pri laboro de la sekcioj, pri la belarta kaj oratora konkursoj. Oni ankaŭ raportis pri la laboro de U.E.A.-komitato. Malĝoja estas la fakto, ke nia Universala Asocio havas deficiton kaj nepre devas plialtigi la kotizojn. Ĉiuj kiuj komprenas la rolon kaj elspezojn de niaj Asocioj certe akceptos la konsekvencojn de senĉesa plipezeco de ekonomiaj cirkonstancoj.

Dum la ferma kunsido oni, kiel kutime, direktis la merititajn gratulojn al ĉiuj kiuj bone laboris por la sukceso de tiu Kongreso.

Aparte dankindaj estis : D-ro Lapenna pro lia elstara rolo en la laboro de la sekcioj, pro lia parolado en la Somera Universitato, pro lia persona gvidado de la dua sekcio, kaj pro lia laboro kaj prezideco de la Oratora Konkurso : multaj taskoj por unu sola homo, tamen bonege plenumitaj, Profesoro Laurat, pro lia interesega prelego en la Somera Universitato « Esperanto kaj Mondcivilizo », pro alia prelego pri ekonomia temo kaj pro lia justa gvidado de la tria sekcio, S-roj Kennedy kaj Petit pro aliaj respektivaj gvidadoj de la unua kaj kvara sekcioj.

Ni ne forgesu la korajn dankojn kiujn meritis, unue D-ro Ziegler, Prezidanto de la L.K.K., kiu mem akcentis la meritojn de siaj kunlaborantoj; due, S-ro D-ro Kempeneers, Vic-Prezidanto de U.E.A., kiu spite sian temporaban profesion, tamen povas zorgi pri landa kaj eksterlanda Movado. Lia parolado inde konkludis la 36an Universalan Kongreson. Li memorigis la barbarajojn de la Nazi'a reĝimo. Sed, li diris, tio ne estas faro kaj kulpo de unusola popolo; en ĉiuj landoj tio povas okazi. La kulpuloj estas tiuj kiuj senkatenas praajn instinktojn de la homoj. Esperanto estas potenca helpilo por mildigi la homon, por inspiri al li la homan edukadon foriganta la barbarajn tendencojn.

Ni deziras ke ĉiuj kongresanoj meditu tiajn parolojn kaj neniam forgesu ilin.

*Pli ampleksajn raportojn oni povas legi en « Esperanto » kaj en « Heroldo de Esperanto ».*

## 37a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

Ĝi okazos en Oslo (Norvegujo), de la 2a ĝis la 9a de Aŭgusto 1952. Niaj belgaj membroj ricevos kun ĉi tiu kajero la unuan informilon kaj aliĝilon. La aliĝilojn oni bonvolu resendi al R.B.L.E., 19, avenuo Montjoie, Bruselo; la monon oni bonvolu pagi al la poŝtĉekkonto n-ro 1337.67 de R.B.L.E., kalkulante laŭ la kurzo : 1 norv. krono valoras 6,50 belg. fr. La aliĝkotizo de la ordinaraj kongresanoj, kiuj **ne estas individuaj membroj** de U.E.A., estas plialtigata je 5 kronoj.

# 36ª Belga Kongreso de Esperanto

*« Unu Belga Nacio, unu nacia Ligo, unu Belga Kongreso. »*

**Bruĝo, 31a de Majo ĝis 2a de Junio 1952.**

## UNUA KOMUNIKAJO

Dum 1952, la Reĝa Societo « Bruĝa Grupo Esperantista » festos sian 50-jaran jubileon. Por inde memori tiun tre maloftan fakton en la historio de la esperantistaj societoj, ĝi de nun invitas la belgan samideanaron kaj ankaŭ siajn multnombrajn eksterlandajn amikojn, al la 36a Belga Kongreso, kiu okazos dum la Pentekostaj tagoj en la arta « Venecio de la Nordo ».

La estraro de Buĝa Grupo kunvenis kaj starigis jenan

**Lokan Kongresan Komitaton.**

Prezidanto : S-ro Ch. Poupeye.

Vicprezidantoj : S-roj G. Groothaert kaj Fl. Verplancke.

Sekretario : S-ro D. Demeulenaere.

Kasistino : F-ino Isabelle Van Parijs.

Konsilantino : F-ino A. Boereboom.

Gazetara sekretariino : F-ino M. Willems.

Tiu L.K.K. de nun pripensas kaj preparas kongresprogramon, kiu ne nur enhavos ĉiujn kutimajn programerojn de la Belgaj kongresoj, sed kiu pro la festota grupa Jubileo entenos diversajn neordinarajn punktojn, ankoraŭ pli solenajn aŭ pli agrablajn. Estas tro frue por pli detale ilin anonci tie ĉi, sed la partoprenantoj povas esti certaj de nun ke la L.K.K., helpata de ĉiuj grupanoj, faros ĉion eblan por prezenti al ili kongreson vere jubilean kaj neforgeseblan.

Ĉi sube ni publikigas la « Honoran Kolonon » t.e. la liston de tiuj samideanoj, kiuj jam dum la tiuĉijara Kongreso en Bruselo, enskribiĝis por Bruĝo. Ni esperas ke en venonta numero de B. E. ni povos enpresigi kun provizora programo, duan liston de tiuj partoprenantoj kiuj bonvolos intertempe ĝiri la kongreskotizon de 50 fr. al la P. Ĉ. K. n-ro 3766.98 de Belga Kongreso de Esperanto. Tiu antaŭpago estas por la organizantoj valora helpo, pro kio ili antaŭe kaj tutkore dankas.

## HONORA KOLONO

1. S-ro C. Aalders (Antverpeno). — 2. S-ino L. Bernaerts-Toussaint (id.). — 3. F-ino H. Brack (id.). — 4. S-ro H. Castel (Bruselo). — 5. S-ino L. Castel (id.). — 6. S-ro H. De Hondt (Antverpeno). — 7. S-ino J. De Hondt (id.). — 8. S-ro M. De Ketelaere (id.). — 9. F-ino H. De Ketelaere (id.). — 10. S-ro J. M. P. Desonay (Spa). — 11. F-ino E. De Winter (Antverpeno). — 12. S-ino E. Ernst (Bruselo). — 13. S-ro L. Everaets (Céroux-Mousty). — 14. S-ino A. Gruslet (Gento). — 15. S-ro M. Guyot (Cheratte). — 16. F-ino H. Hofkens (Antverpeno). — 17. F-ino M. Hofkens (id.). — 18. F-ino M. R. Impanis (Bruselo). — 19. F-ino M. Jacobs (Antverpeno). — 20. S-ro M. Jaumotte (id.). — 21. S-ino M. Jaumotte (id.). — 22. S-ro R. Jaumotte (id.). — 23. D-ro P. Kempeneers (Bruselo). — 24. S-ino D. Kempeneers (id.). — 25. F-ino M. Kestens (id.). — 26. S-ino R. Lecat (Antverpeno). — 27. S-ino E. Lefebvre-Janssen (Bruselo). — 28. F-ino J. Loquet (Antverpeno). — 29. D-ro R. Maes (Bruselo). — 30. S-ino G. Maes (id.). — 31. F-ino N. Maes (id.). — 32. S-ino L. Merckx-Herinckx (Antverpeno). — 33. F-ino F. Meulemans (id.). — 34. F-ino E. Nachtergaele (Gento). — 35. F-ino J. Nachtergaele (id.). — 36. F-ino S. Obozinski (Bruselo). — 37. S-ro J. Oleffe (id.). — 38. S-ino M. Oleffe (id.). — 39. S-ro

P. Paulus (Charleroi). — 40. S-ino J. Plyson (Bruselo). — 41. S-ro Charles Poupeye (Bruselo). — 42. S-ino G. Poupeye (id.). — 43. S-ro R. Poupeye (id.). — 44. F-ino Y. Poupeye (id.). — 45. S-ino J. Soyeur (Seraing). — 46. S-ino F. Staes-Vandervoorde (Bruselo). — 47. S-ino E. Staes (id.). — 48. S-ro J. C. Vandervoorde (id.). — 49. F-ino H. Toussaint (Antverpeno). — 50. S-ro G. Van den Bossche (id.). — 51. S-ro Cl. Vandevelde (Merelbeke). — 52. S-ino M. Vandevelde (id.). — 53. S-ro P. Vandevelde (id.). — 54. F-ino I. Van Parijs (Sint-Andries). — 55. F-ino Y. Van Parijs (id.). — 56. S-ro H. Van Reye (Heule). — 52. S-ino M. Vandevelde (id.). — 53. S-ro G. Vermandere (Antverpeno). — 58. S-ro J. Vermeersch (Brugo). — 60. S-ro J. Verstraeten (Antverpeno). — 61. S-ro Weyn (Bruselo). — 62. S-ino Weyn (id.). — 63. S-ro J. Verdier (id.). — 64. S-ro J. Timmerman (Gento). — 65. S-ro L. Van Wassenhove (Brugo). — 66. S-ino M. Van Wassenhove (id.).

---

## ESPERANTO UZATA POR SERIOZAJ CELOJ

*Antaŭa rimarko.* — La informoj senditaj al B. E. estas diversaj. Ni ne akceptas tiujn pri movadoj kiuj uzas esperanton kiel pretekston. Sed ni ne havas rimedojn por kontroli ĉiujn internaciajn organizaĵojn, kiuj uzas Esperanton por diskonigi sin.

*Provizora Trakto de Monda Konstitucio.* — Advokato Wm E. Baff, el Washington, sciigas ke li tradukis por la revuo « Komuna Movado » la verkon kies titolo estas ĉi supre. Tiu revuo estas eldonata de Universitato de Chicago, kies prezidanto, D-ro Hutchins, estris la komitaton, kiu faris la « Provizoran Trakton ». Interesuloj povas skribi al S-ro Baff, 252, 8th Street S. E., Washington.

*Maŝino, mono, kaj mondpaco.* — Tio estas la titolo de sesdekpaĝa libreto (prezo 2 ŝ., aŭ 8 r.K.) pri « Socikredito », eldonita de « The Social Credit C° ordinating centre, Gordon House, Carrington Street, Notingham, Anglujo ». La aŭtoro estas S-ro C. Marshall. Ne estas ĉi tie loko por raporti pri la ideoj esprimataj en tiu verko; sed ni rimarkigas ke ĝi havas grandan valoron pro la seriozeco de la pritraktita temo : la uzo de Esperanto por romanoj estas ja tro granda kompare kun ĝia uzo por seriozaj aferoj. La libreto « Maŝino, mono, kaj mondpaco » helpas por konvinki la klerajn personojn, kiuj estas skeptitaj pri la taŭgeco de Esperanto je sciencaj celoj. La lingvo estas tre korekte uzata. Interesuloj sin turnu al F-ino Muriel Stewart, sekretariiono (adreso ĉi supre montrata).

*Somera Universitato, Malmö 1948.* — Tio estas la titolo de libro centokpaĝa eldonita por U. E. A., de « The Esperanto Publishing Company Rickmansworth ». La libro enhavas la tekstojn de 9 diversaj sciencaj « prelegoj » faritaj de 9 kompetentuloj. Prezo 4 ŝil; afranko 2 p.

*Scienca Revuo.* — Organo de « Internacia Scienca Asocio Esperantista » (Junio 1949). Kvardekpaĝa. Tre interesa eĉ por ne specialistoj. La propagando pri Esperanto tre bezonas ekzemplojn pri la seriozeco de Esperanto. Belgaj esperantistoj interesiĝu pri tio.

La *Aŭstraliaj Esperantistoj* organizas Aŭstralian Esperanto-Konferencon, kiu okazos je 3-7 de Januaro 1950, en Melburno, ĉefurbo de l'ŝtato Viktorio. Premio (leteroj de Zamenhof) estos donacata al la sendinto eksterlanda de la plej bona elsendaĵo por ekspozicio (salutleteroj, poŝtkartoj, rimsalutoj, turismaĵoj, k.t.p.). Ordinare, letero bezonas du monatojn por atingi Aŭstralion.

La movado *Lernejo por Civilizacio* petas ke « Eŭrop- kaj Mond-federalistaj » homaramaj instruistinoj skribu al S-ro C. Cerri, MLC-CP-89, Varese, Italujo.

*Praha.* — Interesplena faldprospekto pri la ĉefurbo de Ĉeĥoslovakujo, bele ilustrita, 10paĝa, havebla ĉe Fremdultrafika Unio, Komunuma domo, Praha 1.

*Karlovy Vary.* — Bele ilustrita faldprospekto 6paĝa eldonita de la fama banurbo. Havebla de centra propaganda kaj informa ofico de Karlovy Vary, Starà louka, č. 4.

## LA POŜHORLOĜO DE ROSSINI

En Pariza, restoracio, la fama komponisto Rossini tiris el sia poŝo belegan horloĝon, kiun li sonorigis. Ĉetabla najbaro gratulis lin pri tiu rimarkinda juvelo. Ĝi estas donaco de l'Reĝo de Francujo, rimarkigis fiere Rossini; la diamantoj kiuj ornamas ĝin estas aŭtentikaj; se ses jaroj mi posedas ĝin, kaj de tiam ĝi ne eraris eĉ je unu minuto; ĝi resonoras la horojn, la horduonojn, la horkvaronojn; ĝi montras la monatojn kaj la tagojn: plie, kiam oni ŝovas tiun ĉi risorteton, ĝi aŭdigas la unuajn taktojn de mia verko « Moizo ».

Admirinda, vere admirinda ĝi estas, diris la nekonatulo; kaj eĉ ĝi estas pli admirinda ol vi pensas.

— Kiel ? ekmiris la komponisto.

— Jes ankoraŭ pli admirinda, ĉar tiu horloĝo havas du pliajn specialecojn, kiujn, ŝajne, vi ne konas.

Rossini ekskuiĝis : Vi eble ŝercas ?

— Mi ne ŝercas, kaj mi proponas al vi veton : se mi povos konigi al vi tiujn du specialecojn, la horloĝo fariĝos la mia; je mala okazo mi pagos al vi dekmil « eskudojn ».

Iom malkontenta, kaj eble logata pro la « eskudoj », Rossini akceptis la veton. Preninte la horloĝon, la nekonatulo turnis malgrandan oran diskon, kiu ŝajnis esti nur ornamaĵo, kaj tiel aperigis la portreton de Rossini; samtempe la horloĝo aŭdigis la finon de l'preĝo de « Moizo ».

— Mi perdis, konfesis la komponisto.

— Mi ne trouzos mian venkon, diris ridetante la venkinto; reprenu vian poŝhorloĝon.

— Sed kiel vi povis diveni la sekreton de tiu maŝineto ?

— Tre simple; mi estas Plivée, la konstruinto de via poŝhorloĝo.

(Tradukita el « Egipta Gazeto ».)

---

## INTERNATIONALE DISCUSSIE

Indien een Fransman, zegde Tristan Bernard, moet discuteren met een Engelsman, en diens taal niet volmaakt bezit, is het beter dat hij de schijn geve ze hoegenaamd niet te kennen. De andere zal trachten Frans te spreken, en de Fransman zal het voordeel der taal hebben. Dit leuk gezegde, waarvan het omgekeerde ook waarheid is, toont aan dat het een mis gedacht is, of een fopperij, een internationale hulptaal te willen in voege brengen die slechts zou gesteund zijn op een gering aantal Engelse woorden.

---

## REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA (A.S.P.C.)

La Administrantaro de Belga Ligo kunvenis la 1an de Septembro 1951.

Ĝi akceptis la eksiĝon de S-ro Tassin el siaj postenoj de Vic-Prezidanto kaj de administranto kaj dankis lin pro la helpo kiun li donis al nia movado.

Ĉar U.E.A. plialtigis siajn kotizojn por la venonta jaro, la administrantaro fiksis la kotizojn por 1952, inkluzive aliĝon al U.E.A. jene : simpla membro, 100 fr.; familia membro, 50 fr.; junula membro, 50 fr.; kadeta membro, 25 fr.; membro jarlibro, 150 fr.; membro abonanto, 240 fr.; membro subtenanto, 350 fr.

D-ro Kempeneers raportis pri la 36a Universala Kongreso en Munkeno. Diversaj planoj por karavano al la 37a Universala Kongreso, en Oslo, estis priparolataj.

La Administrantaro fiksis gvidliniojn por la venontaj kajeroj de Belga Esperantisto.

# AVANT DE JUGER, RENSEIGNONS-NOUS

En 1920, Paul Otlet, directeur de l'Institut International de Bibliographie, et le Sénateur Henri Lafontaine (Prix Nobel pour la Paix) organisèrent à Bruxelles un Congrès des Associations Internationales. On y discuta la question des langues dans les assemblées internationales. Il y eut une proposition en faveur de « l'anglais, du français et de l'allemand, avec prédominance du français », et une autre en faveur de l'esperanto seul. Le Congrès adopta la résolution suivante : **Considérant la nécessité de plus en plus grande d'une langue auxiliaire internationale, le Congrès des Associations Internationales exprime le vœu que tous ceux, qui reconnaissent cette nécessité, se rallient, pour réaliser ce grand progrès, à l'important mouvement qui a pour but de propager l'Esperanto, en ajournant toute espèce d'amélioration, s'il y a lieu, jusqu'au moment où la langue internationale sera adoptée officiellement par les gouvernements.** Cette décision s'explique par le fait que les participants au congrès avaient eu l'occasion de constater la valeur de l'Esperanto en écoutant une conférence faite en cette langue par le Docteur Corret, de Paris, sur « La télégraphie sans fil ». Les sceptiques au sujet de l'Esperanto ont ainsi pu reconnaître que leur scepticisme n'était pas justifié.

La même année (1920), le Général Leman, membre de l'Académie Royale de Belgique, publiait dans la « Belgique Coloniale » une énergique protestation contre l'apathie des gouvernements au sujet de l'Esperanto. **Cette indifférence,** disait-il, **est vraiment navrante et montre, plus encore que les guerres, l'odieuse barbarie où croupit l'humanité.**

En 1921, trente-neuf savants, tous membres de l'Institut des Sciences de Paris, publièrent un manifeste préconisant l'enseignement de l'Esperanto dans les classes de sciences, ainsi que son emploi dans les congrès internationaux et dans les publications scientifiques à faire connaître à l'étranger.

En 1922, l'assemblée générale de la Société des Nations approuva le rapport (A5, 1, 1922) de son Secrétaire Général, établi après une enquête minutieuse sur la question d'une langue auxiliaire. Ce rapport constate que la grande valeur de l'Esperanto n'est pas seulement théorique, mais qu'elle est sanctionnée par une longue pratique; qu'il est parlé dans les congrès annuels internationaux d'esperantistes de nationalités très diverses; qu'il possède une abondante littérature en œuvres originales et en traductions, outre de nombreuses revues, des manuels et des dictionnaires pour presque toutes les langues. Parlant des imitations de l'Esperanto (qui trente ans plus tard ne sont encore que théoriques), le rapport reproche à l'une de compliquer la grammaire, et aux autres de ne pas réaliser, comme l'Esperanto, le maximum de simplicité et de facilité pour tous les peuples, tant orientaux qu'occidentaux. (C'est en effet une langue **mondiale** qu'il faut.)

De 1922 à 1939, l'Esperanto s'est répandu considérablement dans tous les pays. Mais sous le régime nazi, en Allemagne, et ensuite dans les pays occupés, son mouvement a été paralysé. Depuis 1946, il a repris vigueur et se trouve maintenant comme en 1939. Il appartient aux intellectuels de l'épauler sérieusement; en ceci comme en d'autres domaines, l'attentisme est un obstacle au progrès.

Le secrétariat de la Ligue Royale Belge Espérantiste (178, avenue Peter Benoit, Merebelke-lez-Gand), satisfera volontiers aux demandes de renseignements complémentaires que la notice ci-dessus pourrait provoquer.

# TALENCHAOS - HET ENGELS ALS WERELDTAAL ?

(naar « Esperanto, de taal der wetenschap », van Dr H. A. A. van der Lek en Dr G. F. Makkink.)

« Het is al zover gekomen, dat men van twee kwalen, beide moet aanvaarden; in de eerste plaats, eist de talenstudie al te veel tijd van de natuuronderzoekers en filosofen, hetgeen hen in hun werk belemmert; in de tweede plaats, dreigt de wetenschap haar internationale universaliteit te verliezen, die door de eeuwen heen naar essentie was. » Met deze woorden, treft Professor Björn Collinder, hoogleraar in de Fins-Hongaarse talen te Upsala, het talenprobleem der wetenschap in zijn kern.

Het valt niet te ontkennen, dat het drie-talenstelsel, dat door de wetenschap is aanvaard, een achteruitgang betekent tegenover de toestand der Middeleeuwen, toen het Latijn de enige voertaal was.

Het stelsel van drie talen kon een aanvaardbare oplossing zijn, wanneer iedere onderzoeker tenminste één ervan zo goed machtig was, dat hij er gemakkelijk in kon publiceren en er zich mondeling vlot van kon bedienen. Van de andere twee zou zulke kennis kunnen volstaan, als nodig is voor het lezen van een tekst en het volgen van een gesprek. Deze toestand zou dragelijk zijn, al is hij bepaald minder goed dan die der ééntaligheid.

De huidige talenchaos is er een bewijs voor, dat zelfs dit drie-talencompromis slechts een illusie is. Zij, die het voorrecht hebben, begaafdheid te bezitten voor het beheersen van één of meer talen, kunnen zich vaak niet voorstellen, dat deze chaos voor het grootste deel voortspruit uit onvermogen. Dat men er de voorkeur aan geeft in zijn moedertaal te publiceren, moet worden beschouwd als het gevolg van een natuurlijke gemakzucht; het schrijven in het Frans, het Duits of het Engels zou, of te veel tijd en moeite kosten, of de medewerking van een vertaler noodzakelijk maken.

Bovendien is het niet gemakkelijk een goed vertaler te vinden, die ook op de hoogte is van de wetenschappelijke terminologie en in staat is de bedoeling van de auteur juist weer te geven. Ook zijn aan het vertalen soms hoge onkosten verbonden.

Pogingen om het drie-talenstelsel in ere te herstellen, zullen vruchteloos blijven, omdat dit van een te groot aantal onderzoekers een te grote opoffering van tijd en inspanning zou vergen, die zij aan hun wetenschappelijk werk niet kunnen of willen onttrekken. Wel heeft men het compromis gemakkelijker aanvaardbaar menen te maken, door het Spaans of het Italiaans als voertaal te erkennen. Het zal niet lang meer duren, of men zal verplicht zijn ook het Russisch als wetenschappelijke taal toe te laten. Met al deze uitbreidingen, wordt de chaos er echter slechts groter op.

**Het Engels als wereldtaal.** Men mene niet, dat het Engels overal en door elk volk op dezelfde wijze wordt uitgesproken. Een Amsterdams hoogleraar, die het « Pacific Science Congress » meemaakte, heeft vastgesteld dat Engelsen, Amerikanen, Canadezen, Australiërs en Nieuw-Zeelanders moeite hadden elkaars voodrachten in het Engels te volgen. Verder weet iedereen hoe vreemdelingen het Engels kunnen verminken, dat het onverstaanbaar wordt. Deze taal is voor universeel mondeling gebruik niet geschikt. De moeilijke uitspraak is, ten dele, toe te schrijven aan het feit dat éénzelfde klank op zoveel verschillende manieren wordt geschreven, en omgekeerd éénzelfde letter zoveel verschillende uitspraken heeft.

NIA VOĈO — ORGANO DE LA JUNULARA SEKCIO DE REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA —

1a Jaro — Oktobro 1951 — N-ro 6a

# En Villers-la-Ville.
# ESPERANTA KAMPADO POR GEJUNULOJ

En « Le Moustique », grava radio-revuo, ni legas, sub rubriko « Savez-vous ? » (Ĉu vi scias ?), artikoleton, kiu komenciĝas jene :

« ĈU VI SCIAS... ke, de la 4a ĝis la 11a de Aŭgusto, la verda kaj blanka flago kun verda stelo flirtis, apud la Ruĝa Kruca flago, en la bieno nomita « Muelilo de Chevlipont » en Villers-la-Ville, dum la Esperantista Kampada Periodo, organizita de la Kadeta Sekcio de la Ruĝa Kruco de Belgujo ? »

S-ro Pilloy regule prizorgas en tiu revuo, — presata ĉiusemajne 282.000 ekzempleroj, — esperantan rubrikon, en kiu li speciale priatentas la esperantajn radio-elsendojn. Li vizitis diversfoje la kampadantajn esperantistojn kaj raportis pri tiu « semajno » kaj ĝia gvidado.

Diru ni, ke ĝi okazis sub la estrado de la vic-prezidanto de nia Belga Ligo, S-ro Maur. Jaumotte, kiu ĝin iniciatis en sia funkcio de Nacia Kunkomisaro de la Kadetoj de la Ruĝa Kruco. Li tamen akceptigis en ĝin ne nur siajn « kadetojn », kiuj iam lernis nian lingvon, sed ankaŭ gejunulojn apartenantajn al aliaj movadoj, inter aliaj al la neŭtra kaj katolika skoltaj movadoj kaj eĉ neapartenantajn al kiu ajn junulara organizaĵo.

Meze de la granda familia rondo, kiu pasigis, en tiu pentrinda bieno kun akvofalo kaj trafluanta Thyl-rivereto, plej gajajn tagojn, la esperanta sekcio konsistis el proksimume dudek junaj geesperantistoj, venintaj precipe el la antverpena kaj bruĝa regionoj.

Por helpi al la sukcesigo de tiu unua provo, la organizanto estis petinta la kunhelpon de F-ino Helmi Veldhuyzen, la simpatia sekretariino de « Tutmonda Junular-Organizo », kiu ĉeestis la esperantan semajnon kaj plej vigle klopodadis por alkutimigi la partoprenantojn al parolado de nia lingvo.

Dum la vesperaj Kampfajroj, la esperanta grupo ankaŭ aŭdigis diversfoje esperantajn kantojn. Kaj, nedubeble, la aŭdado de nia lingvo, kiu estis regule uzata ĉe la oficialaj ceremonioj ĉirkaŭ la flago kaj kiun ĉiu povis aŭskulti dum ofte laŭtoj interbabiladoj inter la kampestro, F-ino Veldhuyzen, kaj aliaj, faris ne nur grandan, sed daŭran impreson sur la aliaj ĉeestantoj.

Pri la flirtinta Esperanto flago, ni povas aldoni ke ĝi, ĉiumatene, estis solene levigata, antaŭ la tuta kampadaro, kune kun la Ruĝa Kruca flago, je du stangoj ĉe la enirejo de la Bieno, tutapude de la ŝoseo, dum belga kaj kadeta flagoj supreniris ĉe stango en la mezo de la centra herbejo.

Kaj por fini, ni ankoraŭ povas citi, ke, dimanĉe, okazis vizito de dudeko da gemembroj de « La Verda Stelo », kiuj estis akceptataj kaj gastigataj de S-ino Marg. Jaumotte, kiu funkciis kiel « first lady » de la kampo. Ĉiuj ĝuis plej belan sunan tagon, dum kiu ili vizitis ne nur la bienon, sed ankaŭ la ruinojn de la Abatejo de Villers-la-Ville, sub esperanta gvidado !

Se tiu unua klopodo jam povis ĉiujn kontentigi, la organizanto tamen intencas rekomenci ĝin proksiman jaron en ankoraŭ multe pli taŭga maniero.

Ni esperas ke li sukcesos !-

# PAŜO POST PAŜO EN ESPERANTO

*Dum sia lasta kunsido, la Administrantoj de Belga Ligo Esperantista decidis presigi lecionon pri Esperanto en ĉiu numero de « Belga Esperantisto ».*

Esperanto estas lingvo. Esperanto estas facila lingvo internacia. Ĝi estas lingvo elpensita de D-ro Ludoviko Lazaro Zamenhof.

Tion ni ĉiuj scias. Ni konas ankoraŭ aliajn detalojn pri nia lingvo. Ni ĉiuj ŝatas Esperanton, ni eĉ amas ĝin. Sed ĉu ni ĉiuj sufiĉe bone konas kaj uzas ĝin ?

Jen du demandoj, je kiuj ne ĉiuj membroj de nia Ligo kuraĝus respondi : Jes !

Ni do decidis helpi niajn grupanojn. Denun aperos en ĉiu numero de nia liga bulteno leciono pri Esperanto.

Ni ja en kurso rapide lernis la 16 regulojn de la gramatiko. Ni lernis ankaŭ kelkajn vortojn, kelkajn radikojn. Nia profesoro, nia kursgvidanto, instruis al ni la signifon kaj la utilon de la afiksoj, tio estas la prefiksoj kaj la sufiksoj. Ni mem konstruis novajn vortojn kaj ni eĉ rapide konstatis, ke ni, post malmulte da lecionoj, estis jam sufiĉe vortriĉaj. Ni konstruis kelkajn frazojn; ni parolis Esperanton !

Poste venis la kunsidoj de la grupo. Ni ĉeestis tiujn kunsidojn: Ni ankoraŭ ĉeestas tiujn kunsidojn. Sed ni ne multe, ni ne ofte parolas Esperanton. Multaj novuloj evitas paroli nian lingvon. « Ke la malnovuloj parolu ! Ke la malnovuloj paroladu ! »

Sed bedaŭrinde ni iufoje « devas » paroli. Kaj tiam ni ofte balbutas. Ni balbutas, ĉar ni ne alkutimiĝis al flua babilado en Esperanto. Kaj se — dum la kurso kaj dum la ekzameno — ni pensis pri la malgrandaj kaj facilaj 16 reguloj, ni nun konstatas... ke ni jam multe forgesis.

Jen do necesas denove iom studi, iom labori, ĉar Esperanto estas lingvo. Ĝi estas facila lingvo internacia. Sed lingvon oni devas studi kaj uzi. Oni devas paroli kaj skribi ĝin. Oni devas legi ĝin kaj ĝin kompreni.

Kaj oni devas ree lerni kelkajn gramatikajn, kelkajn lingvajn principojn ĝeneralajn, kiuj estas samaj en ĉiuj lingvoj sed pri kiuj ni ne plu pensas, kiam ni parolas nian gepatran lingvon.

* * *

Tial « Belga Ligo » donas al vi la okazon lerni tion, kion vi bezonas.

La kurso ne estos ordinara kurso. Ĝi ne estos kolekto da lecionoj, ordigitaj unu post la alia kaj destinitaj al personoj kiuj ne jam lernis Esperanton.

Ĝi estos kolekto da rimarkoj kaj aro da ekzercoj. Ĉar ni bezonas ekzercojn. Kaj « Belga Ligo » esperas ke, kaj la novuloj, kaj multaj malnovuloj atente legos la kurson kaj ne nur legos sed ankaŭ iomete lernos kaj laboros.

« Belga Ligo » esperas ke eĉ dum grupkunsidoj oni priparolos la kurson, kies titolo « Paŝo post Paŝo » havas sian signifon. Ĝi signifas ke « paŝo post paŝo » ni venkos ĉiujn malfacilajojn.

Kaj jen la unua praktika ekzerco : ni laŭtvoĉe legu la ĉi-supran tekston. Unufoje, du- aŭ tri-, aŭ — se necese — dekfoje, ĝis kiam ni elparolas ĉiun literon kiel ni lernis dum la kurso. Ĝis kiam ni metas ĉiun akcenton ĉiam sur la antaŭlasta silabo de la vorto.

Kaj se ni faros tion senerare, tiu enkonduko jam havis grandan utilon.

La unuan veran « paŝon » ni trovos en la proksima numero de « Belga Esperantisto ».

H. S.

# BELGA KRONIKO

ANTVERPENO

**Esperanto-Grupo « La Verda Stelo ».**

*(Poŝtĉeknumero : 726.54)*

La 1an de Junio, okazis komuna vespero kun la filatelista klubo « Mes Timbres », kun paroladetoj de S-roj Rietjens kaj Vos, kiu krome montris interesan ekspozicion. La 8an, sinsekve S-ro Balleux, F-inoj H. Toussaint kaj Heyens kaj S-ro Vercruysen, kiu tion tute parkere faris, enpense promenadigis nin tra la centro de la urbo. La 15an, vizitis Antverpenon, la pariza « Trio Dolce » (La Kolombinoj), tri agrablaj fantaziistinoj de la franca konto kiuj, post deklamado de S-ro Vermuyten kaj kantado de S-ro Peelman, plenigis, plej amuze kaj arte, vesperon organizitan por ĉiuj EKI-anoj. La 22an, S-ro Verhoeven paroladis interese pri biciklado, post kio S-ro Chomette, el Los Angeles, edzo de nia iama membrino Germaine Van der Veken, paroladis pri « Usono ». La 29an, sekvis la diplomdisdono de la printempa kurso gvidita de la prezidanto. Akiris la diplomon : F-inoj N. Batslé, Louisa Daenen, S-ino De Vriese, F-ino L. Kuylen, S-ro J. Laenen, S-ino J. Mets, S-roj J. Montmirail, Fl. Rottiers, H. stoff, S-ino L. Timmerman, S-roj J. Tuerlinck, Van den Haute, J. Van der Linden, G. Van der Poel, J. Van de Velde, F-ino R. Vanistendael, S-roj J. kaj W. Van Nereaux, U. Verjans, F-ino V. Verrycken, S-ro W. Weyts, kaj, el Sta Nikolao, F-ino J. Vermeulen, S-ino S. De Vriese, nome de la gelernintoj, kaj S-ro M. De Ketelaere, nome de la estraro, dankis la prezidanton kaj gratulis la diplomitojn; dum S-ro R. Van Eynde montris belegajn filmojn.

La 6an de Julio, okazis la kutima parolata jurnalo kaj sabaton la 7an, balo okaze de la duobligo de la grupa membraro. La 13an, S-ro M. Jaumotte faris paroladon pri la « Atombombo », kaj la 20an, okazis intima kunsido dum kiu estis anoncata la vizitoj de francoj kaj angloj, survoje al la T.J.O.-kongreso en Haarlem. Okazis, je ilia honoro, apartaj kunsidetoj kaj diversaj gemembroj ilin kondukis tra la urbo. La 27an, S-ro Verstraeten efektivigis « surstrate » la programon « Ekkonu vian urbon » kaj kondukis pli ol tridek gemembrojn tra la urba centro, donante al ili ĉiujn klarigojn, kiujn ili iam devos ripeti al eksterlandanoj. Estis sukceso je ĉiuj vidpunktoj, ankaŭ je tiu de la intereso kreita ĉe la preterpasanta publiko !

La 3an de Aŭgusto, F-ino Helmi Veldhuyzen ĉeestis la parolatan ĵurnalon kaj salutis la kunvenon kaj, la postan tagon, malfermiĝis en Viller-la-Ville la esperanto junulara « semajno », kiun, dimanĉe, vizitos dudeko da Verdstelanoj. Kelkaj raportis pri tiu vizito dum la kunsido de la 10a, prezidita de S-ro De Ketelaere. La 17an, F-ino Henny De Ketelaere raportis pri la kongreso de T.J.O., dum S-ro M. Jaumotte priparolis la esperantan junularan kampadon. La 24an, S-ro Van Eynde kaj S-inoj H. Schoofs kaj J. De Hondt raportis pri la Universala Kongreso, dum F-ino De Ketelaere refaris sian paroladon de la Oratora Konkurso. La 31an, F-inoj De Winter kaj Vanisterdael kaj S-inoj Balleux kaj De Naeyer rakontis pri siaj ferioj en la « Bela Francujo ».

*Programo de la venontaj kunsidoj.*

Ĉiuvendrede, en « Witte Leeuw », Frankrijklei, je la 20 h. 30 :

*Septembro.* — La 7an, parolata ĵurnalo: la 14an, « Nia Libertempo » (3a serio): la 21an, el la historio de « La Verda Stelo » (kun ekspozicio); sabaton la 22an, Mitulvespermanĝo, je la 20a h., en « Rode Hoed »; la 28an, amuza vespero (kun ludoj kaj konkursoj).

*Oktobro.* — La 5an, parolata ĵurnalo; la 12an, parolado de F-ino H. Hofkens pri « Steloj »; la 19an, filmprezentado de S-ro Van Eynde; sabaton, la 20an, je la 20a h., Aŭtuna Balo; la 26an, parolado de S-ino Lecat, « Sekreta Egiptujo ».

*Novembro.* — La 2an, parolata ĵurnalo.

BRUĜO

**Bruĝa Grupo Esperantista.**

*(Poŝtĉeknumero 4835.33)*

La somera elementa kurso estis daŭrigata dum la unua horo de ĉiu kunveno, esceptinte kvar kunvenojn dum la libertempo. La dua

parto de ĉiu kunveno estis dediĉata al diversaj lernigaj ludoj kaj ekzercoj. Speciale menciinda estis la kunvenoj : la 5an de Junio, kiam okazis vigla triopa interparolado kun posta publika raportado; la 19an de Junio, kun interesa debato pri sunbanado; la 26an de Junio, kun vizito de la Nederlandaj samideaninoj F-inoj Mien kaj Joke van Ninnes el Den Helder; la 3an de Julio kun vizito de S-ino Bernaert-Toussaint kaj de F-ino Toussaint, ambaŭ el Antverpeno; la 17an de Julio, kiam aperis la unua numero de la parolata gazeto de la grupo. Tiu unua pruvo bonege sukcesis kaj la ĉeestantoj postulis pliajn aperojn de la gazeto en la estonto. La 14an de Aŭgusto, F-inoj Y. Poupeye, Th. Missinen kaj J. Flécy, kaj S-ro Karlo Poupeye raportis pri sia partopreno en la Esperantista Semajno de Villers-la-Ville, en la Kampadejo de la Ruĝa Kruco, sub direkto de S-ro Jaumotte. La 21an de Aŭgusto, okazis kuna promenado laŭlonge de la lumigataj kajoj ĝis la Minnewater. La 28an de Aŭgusto, pro nedisponebleco de la kutima kunvenejo, la kunsido escepte okazis en salono de « Tabarin ».

Krom tio estas ankaŭ menciinda : dimanĉon 24an de Junio, ekskurso al Damme okaze de historia sekvantaro; dimanĉon 8an de Julio, partopreno kun la grupa flago en sekvantaro okaze de la kongreso de la Suboficiroj en Bruĝo; la 28an de Julio, vizito de du Aŭstraliaj samideaninoj, F-inoj Marie Day kaj Edna Dash el Sydney, survoje al Munkeno; la 30an de Julio, vizito de S-ro Vermandere el Antverpeno, kaj la 7an de Aŭgusto, tuttaga ekskurso laŭ la tramvojoj Bruĝo-Knokke-De Panne.

*Programo de la venontaj kunsidoj.*

Ordinara kunveno, ĉiumarde je la 20a, en la sidejo « Gouden Hoorn - Cornet d'Or ». Dum la unua horo de ĉiu kunveno : leciono de la elementa kurso. Dum la dua horo :

*Septembro* : 4an : Kunmetado de la grupa programo; 11an : Debato por aŭ kontraŭ edziĝo, rezervata al gefraŭloj; 18an : Parolata gazeto; 25an : Kanta vespero.

*Oktobro* : 2an : Legado de Belga Esperantisto; 9an : Parolado pri Elektroniko de Sro Karlo Poupeye; 16an : parolata gazeto. 23an : Kanta vespero; 30an : Humoraĵoj.

*Novembro* : 6an : Surprizparolado de S-ino Verplancke. 13an : Triopa interparolado kun posta raportado. 20an : Parolata gazeto. 27an: kanta vespero.

GRAVAJ SCIIGOJ :

Sabaton, la 29an de Septembro, je la 20a, en la kunvenejo, publika parolado, en Nederlando lingvo, de S-ro Maurice Jaumotte, Vic-Prezidanto de R.B.L.E., pri *Esperanto kaj Ruĝa Kruco.* Alkonduku intereseblajn personojn !

Mardon 2an de oktobro, je la 20a en la kunvenejo, komenciĝos *nova elementa kurso.* Ĉiu membro konsideru kiel devon alkonduki almenaŭ unu novan lernanton. Estas nia ĉefa se ne lasta ebleco por varbado antaŭ nia Jubilea kaj Kongresa Jaro. Ĉiu do faru sian tutan eblon, nu la persona propagando efikas.

Post plenumo de tiu esperantista devo, niaj membroj trovos plej agrablan distron en la granda BALO, kiu okazos sabaton, 27an de oktobro, je la 21a horo en la dancejo « Tabarin ».

BRUSELO

## Esperantista Brusela Grupo.

*(Poŝtĉeknumero 1230.48)*

La 18an de Junio, okazis nia finkursa festo. Ĉin agrabligis S-roj Van der Stempel ĉe pianoforto kaj Genin per memverkitaj poemoj. La Prezidanto, per emociigaj vortoj alparolis la novajn Esperantistojn. La tri gemanpupistoj prezentis novan teatraĵon kun ĉiam pli belaj geaktoroj. La multnombra ĉeestantaro disiĝis post kanto de la Espero. Dum la libertempa periodo, S-ro Genin kondukis gajajn vesperojn. F-ino Vermaas el Rotterdam vizitis nian grupon kaj vigle raportis pri la Kongreso en Hispanujo. Sukcesplena parolado de F-ino Kestens pri « Bibliografio de Esperanto » kaj raportoj de la partoprenintoj al la 36a Universala Kongreso fermas tiun ferian sezonon.

*Programoj de la estontaj kunvenoj.*

Ĉiulunde je 20.30. Ejo : Brasserie St-Martin, 38, Place du Grand Sablon, Grote Zavel.

*Septembro.* — La 3an : parolata ĵurnalo; la 10an, S-ino Couvreur « Bela Korsiko »; la 17an : Komenco de perfektiga kurso gvidata de S-ro D. Van der Stempel; la 24an, S-ro Petit « Televidado ».

*Oktobro.* — La 1an, je 18 h. 30 : malfermo de elementa kurso gvidata de S-ino Ernst; je la 20 h. 30, Parolata ĵurnalo; poste, disdono de la premioj al la laŭreatoj; la 8an, F-ino Obozinski « Amo kaj kuirarto »; la 15an, S-ro Van der Stempel « perfektiga kurso »; dimanĉon la 21an, je la 13a, en Restoracio « Bedford », 135, rue du Midi (Suda strato), jara festeno honore al S-ino Elly Staes, kiu festas sian 45jaran Esperantistan jubileon. La prezo de la festeno estas 125 fr. (trinkmono enkalkulita), sumo pageta sur la poŝtĉekkonton 2368.04 de S-ino J. Plyson, 185, rue Jourdan, St Gilles; la 22an, S-ro J.C. Vandervoorde «La abeloj»; la 29an, S-ino Ernst « Aventuroj de ses viroj tra la Pacifiko sur Kon-tiki ».

*Novembro.* — La 5an, parolata ĵurnalo; la 12an, S-ino Weyn « gajeco tra la historio »; la 19an, perfektiga kurso de S-ro Van der Stempel; la 26an, S-ro Castel « Karmeno ».

*Decembro.* — La 3an, parolata ĵurnalo; la 10an, S-ro Verdier « helikopteroj »; la 17an, D-ro Kempeneers prezentos filmojn pri antaŭaj kongresoj; la 24an kaj la 31an, ne okazos kunvenoj.

*Januaro 1952.* — La 7an, parolata ĵurnalo; la 14an, S-ro L'Host « Ĉielaj kuriozaĵoj; la 21an, perfektiga kurso de S-ro Van der Stempel; la 28an Ĝenerala Jara kunsido; raporto de la komitato; elektoj.

VERVIERS

Ĉe la fino de Aŭgusto okazis kunveno de nederlandaj esperantistoj kun membroj de la esperantistaj grupoj de Liege, Huy, Spa kaj Verviers.

Diversaj temoj estio priparolataj. S-ro Koene, blinda samideano de Verviers'a Grupo, faris raporton pri la Universala Kongreso de Esperanto en Munkeno.

Post promenado tra la urbo, la partoprenintoj revenis ĉe la ejo de la Grupo kaj distraĵa vespero finis tiun agrablan tagon.

## Esperanta korespondkurso ĉe la belgaj protestantoj.

La internacia esperantista protestanta ligo K.E.L.I.) organizas komence de oktobro esperantistajn korespondkursojn. Por informoj oni sin turnu al : Boîte postale n° 25, Herstal I, aldonante poŝmarkon por respondafranko.

Ĉe la sama adreso la interesuloj povos peti senpage provekzempleron de « Dia Regno », la oficiala organo de K.E.L.I.

---

## En nia Esperantista familio.

— Ĉe Ges-roj Verdier, la 8an de Septembro, naskiĝis filino nomita Dominique. Niajn korajn gratulojn al la feliĉaj gepatroj.

—S-ro Jean Oleffe, malnova membro de Brusela Grupo festis sian jubileon post 40 jara laboro en la sama Blanko. Je tiu okazo, li fariĝis fakestro kaj oni organizis festeton je lia honoro. Ni prezentas al la jubileanto niajn sincerajn gratulojn.

---

## NEKROLOGO

Je la fino de Aŭgusto mortis en Kapellen, 83jara, S-ro Louis Ritschie, honora ĉefdirektoro de la oficistaro de la antverpena urba administracio, kaj unu el la plej malnovaj esperantistoj belgaj.

Antaŭ la unua mondmilito, li estis ano de la intertempe malaperinta « Antverpena Grupo Esperantista » kaj, en 1911, li estis unu el la « Sepo par la Sepa », la L.K.K. de la 7a Universala Kongreso.

Post la unua mondmilito, li tuj aliĝis al « La Verda Stelo », kies fidela membro li restis.

Kaj kiam, en 1928a, nova L.K.K. estis organizonta la 20an Universalan Kongreson, S-ro Ritschie denove iĝis membro de ĝi.

Sindonema esperantisto, agrabla kaj afabla homo, li lasos inter la belgaj, kaj precipe la antverpenaj geesperantistoj, memoron de granda amiko, kiu forlasis ilin.

Belga Esperantisto kaj la Estraro de Reĝa Belgo Ligo Esjerantista prezentas al liaj familianoj la esprimon de siaj plej sinceraj funebraj sentoj.

## ANONCETOJ

— S-ro Roman GLUCKHER, Braunegg-gerstr., 38, Konstanz a.R. (Germanujo), 21jara komercisto deziras korespondi kun belgaj samideanoj.

— S-ro Frantisek JANSKY, Mostecka, 3, Praha III, Ĉehoslovakujo, deziras korespondi pri internacia politiko, kooperado, religiaj problemoj (faroprodukta aplikado de kristaneca idealo en praktika vivo), pacifismo kaj skoltismo. Speciale interesas lin sindikatana, bibliotekarista gazetista kaj popolkleganta aŭ kultura problemoj.

— S-ro Hans WANJURA, 23, Harpenfeld - Post Bad Essen (Germanujo) deziras korespondi per ilustritaj poŝtkartoj.

—S-ro Eugeniusz OSTROWSKI, kowicz, 11, Zymierskiego, Polujo. 20jara fraŭlo, katoliko, deziras korespondi kaj interŝanĝi vidaĵkartojn kaj poŝtmarkojn.

— Societo de Britaj Esperantistaj Instruistoj okazigos Paskan Lernejon en la bela marborda urbo, Folkestone, Kent, de la 12a ĝis la 19a de Aprilo 1952. La celoj estas plialtigi la nivelon de la lingva uzado pere de gviditaj rondoj, diskutadoj, prelegoj; kaj interkonigi geisntruistojn. Alilandaj gekolegoj estas kore akceptotaj. La loko estas elektita ĉar ĝi estas facile atingebla, kaj ĉar ni tie povas disponi pri tre komforta hotelelo. La kosto estas de £ 5-5-0 ĝis £ 6-6-0 laŭ la ĉambro, plus enirpago 5ŝ. Necesas aliĝi frue. Skribu al la Sekretario, F-ino V.C. Nixon, 183, Woodlands Park Road, Birmingham, 30 (enmetu respondkuponon).

---

## BIBLIOGRAFIO

J. E. RODO : *Ariel*, el hispana lingvo tradukis M. F. MENENDEZ, eldonis Urugvajo Esperanto-Societo, Montevideo.

Ĝi estas unu el la ĉefaj urugvajaj verkoj, skribita en la hispana lingvo. Ĝi estas la unua kiu vere famigis la nomon de RODO en ĉiuj hispanlingvaj landoj.
estas romano : Ĉe la finiĝo de lerneja jaro.

Ne estas eble rakonti la verkon. Ĝi ne iu universitata profesoro kunigas, en sian studoĉambron, por adiaŭa kunveno, ĉiujn siajn lernintojn, kaj li alparolas ilin.

Tiu parolado donas al la profesoro okazon esplori la problemojn de la vivo laŭ iliaj plej diversaj flankoj kaj doni al la lernantoj taŭgajn konsilojn por ilia sinteno en la tuj venonta vivo.

La profesoro esprimas siajn opiniojn pri temoj ĉiuspecaj, filozofaj kaj praktikaj. Li elverŝas riĉegan trezoron de abundega scio, kaj per egala sereneco li pritraktas la tempojn, la popolojn, la nŭtorojn kaj la verkojn plej diversajn, antikvajn kaj nuajn.

La tradukinto bedaŭrinde provis konservi en Esperanto la frazan konstruon kaj la dirmanieron de la hispana teksto. Pro tio mi opinias ke malmultaj estos la legantoj kiuj sukcesos legi la tutan libron kun plezuro.

L. G.

VETTER, L. : *La 13. mortis*, kriminalromano kiun el la germana lingvo tradukis Hans Borschert. 191 paĝoj; 12.5 x 18 cm., duontole bindita. 6.50 germanaj markoj. Eldonita de Borschert kaj Riemasch, Bamberg (1950); havebla ĉe Ziegler Verlang, München-Pasing.

Mi ĵus finas la legadon de la supre menciita libro. Mi min sentas maltrankvila. Mi jam ne dormis la lastan nokton kaj mi divenas ke la venontan mi ankaŭ pasigos sen dormo. Plie, mi dronas en suspekto ĉiuspeca. Se mi ion manĝas aŭ trinkas, mi min demandas ĉu krima mano ne metis venenon en ĝin. Konsekvence, mi suspektas miajn konatulojn, proksimulojn, kaj eĉ mian parencaron ke ili volas mortigi min.

Do, se vi intencas pasigi sendormajn noktojn, se vi volas havi la impreson ke ĉio, kion vi trinkas aŭ manĝas havas guston de amara veneno, se vi emas perdi la konfidon al ĉiuj, kiuj vivas kun vi, mi donas al vi taŭgan konsilon : vi leku « La 13. mortis ».

La verkon oni legas facile kaj la teksto estas konvena.

Bedaŭrinde kelkaj strangaj formoj, kelkaj novaj vortoj, kaj ankaŭ kelkaj maloftaj preseraroj malagrabligetas la rakonton.

L. GENIN.

# BELGA ESPERANTO-INSTITUTO

[illegible] Societo. 26. Oostenstraat - Antwerpen. Poŝtĉekkonto 1689.58

## MUUSSES' ESPERANTO BIBLIOTEKO

*Fr. 3.50 po numero (N° kostas Fr. 8.—). — Serio II kompleta kostas Fr. 38.—.*

Serio I konsistas el la sekvantaj libretoj :

1 - J. Glück. — La grandaj filozofoj kaj la universala lingvo.

2 - M. J. Lermontov & D. N. Mamin-Sibirjak. — Rusaj noveloj. Trad. A.

4 - Joseph R. Scherer. — Tra Usono kun ruliĝanta hejmo (dua eldono).

5 - J. Glück. — El la klasika periodo de Esperanto. (Grabowski & Kabe).

8 - Al. Petöfi. — La Avo. El hungara originalo trad. Ladislao Spierer.

9 - R. B. de Bengoa. — La Jusnaskito. Nekredebla historio. El hispano orig. trad. José Fernando Berenguer.

10 - La Jubilea Kongreso de Esperanto 1912.

11 - Paroladoj de la ora jubilea kongreso 1937. Elektis kaj aranĝis J. Glück.

12 - Prof. Joël Thézard. Nordnordaj fabeloj.

13 - I. Ŝirjaev. — En la vagono kaj aliaj rakontoj.

14-15 - La problemo de lingvo internacia. Serio de radioprelegoj de D-ro Björn Collinder. Publikigis Paul Nylen.

16 - Gyula Török. — Rozinjo. El hungara originalo trad. D-ro K. Kalocsay.

17 - Charles Dickens. — El la londona skizlibro. El angla orig. trad. Fred Wadham.

18 - Ernest Dodge. — Flugado alimonden. Originale verkita.

19 - Jordan Jovkov. — Patro kaj filo kaj aliaj rakontoj. El la bulgara lingvo tradukis Hristo Iskrov.

## ESPERANTO BIBLIOTEKO INERNACIA

*Ĉiu numero kostas Fr. 4.—; 10 numeroj Fr. 36.—; kompleta kolekto (31 N-roj) Fr. 110.*

1 - Legolibreto de J. Borel.

2 - Fabeloj de Andersen (dana Fr. Skeel-Giörling).

3 - Bona Sinjorino, novelo de E. Orzeszko (pola Kabe).

4 - Rusaj Rakontoj, Mamin Sibirjak (rusa N. Kabanov).

5 - Don Kihoto en Barcelono, M. de Cervantes (hispana Fr. Pujula y Vallès).

6 - El la Biblio, trad. L.L. Zamenhof.

7 - El dramoj (fragmentoj), (germ. L. L. Zamenhof).

8 - El Komedioj, fragmentoj (trad. L. L. Zamenhof).

9 - Praktika Frazaro, Dialogoj de la ĉiutaga vivo. J. Borel.

10-11 - Japanaj Rakontoj (japana Cif Toŝio).

12 - Amoro kaj Psiĥe, Lucius Apulejus (latina E. Pfeffer).

13 - Bulgaraj Rakontoj (bulgara Al. D. Atanasov).

14-15 - Reaperantoj, Familia dramo de H. Ibsen, la Akto (norvega O. Bünemann).

16 - Komerca Korespondo, J. Borel.

17 - Konsiloj pri Higieno (trad. J. Borel).

18 - La Reĝo de la Ora Rivero, John Ruskin. (angla Ivy Kellermann).

20 - La lasta Usonano, J. A. Mitchell. (angla Lehman Wendell).

21 - Hungaraj Rakontoj, Ferenc Herczeg (hungara A. Janajotti).

22 - Nord-germanaj Rakontoj, H. Bandlow. (platgermana E. Scheerpeltz).

24 - La Instituto Milner, J. Jullien. (franca Lyon' a Grupo).

25 - Noveletoj el la Nigra Arbaro, H. Christaller. (germana W. Christaller).

26 - La Intervidiĝo kaj Nekonita Dialogo, A. de Vigny (franca S. Mayer).

27 - La Patrino, E. Zahn. (germana J. Smid).

28 - Elzasaj Legendoj (germana Ch. Pulvers).

29-31 - Sub la Neĝo, Taglibro de juna loĝanto de la Jura-montaro, J. J.Porchat. (franca J. Borel).

32 - La Amkonkurantoj, Triakta komedio, R. Schmidt.

33 - La regado de si men per konscia aŭtosugesto, E. Coué. (J. Borel).

## INTERNACIA MONDLITERATURO

*Zorge elektitaj perloj el la literaturo de ĉiuj popoloj, verkitaj de la plej eminentaj aŭtoroj. Modela traduko.*

*Unu numero, Fr. 12.—* *Dek n-roj libere elekteblaj, Fr. 112.—*

*La tuta serio (21 n-roj), Fr. 224.—.*

1 - Hermano kaj Doroteo. J. W. v. Goethe. (germana B. Küster).

2 - Legendoj. A. Niemojewski. (pola Bronislaw Kuhl).

3 - Elektitaj Noveloj de Ivan S. Turgenev. (rusa A. Mexin).

4 - La nigra galero. Historia rakonto de W. Raabe. (D-ro F. Wicke).

5 - El la « Camera Obscura ». Hildebrand. (nederlanda H. C. Mees).

6 - El la skizlibro. Washington Irving. (angla H. L. Elvin).

7 - La ririnda historio de Petro Schlemihl. A. de Chamisso. (Eug. Wüster)

8 - Nuntempaj rakontoj. G. P. Stamatov. (bulgara Ivan H. Krestanoff).

9 - Hebreaj rakontoj. Salom-Alehem kaj Perec. (hebrea Is. Muĉnik).

10 - Tri noveloj. A. S. Puŝkin. (rusa D-ro Andreo Fiŝer).

11-12 - Deklaracio. Romano de T. Ariŝima. (japana T. Tooguu).

13 - Ses noveloj el « Rakontoj de mistero kaj imago ». E. A. Poe. (angla Milward).

14 - La firmao de la kato kiu pilkludas. H. de Balzac. (franca P. Benoit).

15 - Orientaj fabeloj. Vlas Doroŝeviĉ. (rusa A. Hohlov).

16 - Noveloj. H. Sienkiewicz. (pola Lidja Zamenhof).

17 - Insulo de feliĉuloj. A. Strindberg. (sveda O. Frode).

18 - Barbaraj prozaĵoj. Prudenci Bertrana. (kataluna J. Graŭ Casas).

19 - Ano de Fringludo. D. Ŝimunoviĉ. (kroata F. Janjiĉ).

20 - Servokapabla. Marcus Tybout. Eeckoud. (franca Léon Bergiers).

21 - Nobela peko. M. Sadoveanu. (rumana Tiberio Morariu).

## LA « EPOKO » LIBROJ

*Serio de interesaj romanoj k. s. por la distra horo.*

*N-ro 1 ĝis 6 po Fr. 15.—. N-ro 7 ĝis 10 po Fr. 30.—.*

1 - Murdo en la Orienta Ekspreso. Agatha Christie (« Etulo »).
Okazas murdo, sed feliĉe Hercule Poirot estas jam surloke por solvi la misteron.

2 - La Knaboj de Paŭlo-strato. Francisko Molnar. (L. Sprierer).
Budapeŝtaj gimnazianoj — antaŭ 1900 — heroe batalas unu grupo kontraŭ alia pro belega ludotereno.

3 - La Princo kaj Betty. P. G. Wodehouse (G. Badash).
Fantaziaĵo pri insula princo, kiu loĝas en Londono.

4 - La Tempo-Maŝino kaj La Lando de la Blinduloj. H. G. Wells. (E. W. Amos).
Viro antaŭeniras laŭ tempo kaj trovas du homajn rasojn.

5 - Princino de Marso. E. R. Burroughs (K. R. Surmer).
Usona oficiro spertas multajn aventurojn sur Maso.

6 - Colomba. Prosper Mérimée. (J. Beau).
Romano pri Korsa feŭdo.

7 - Sep Vangofrapoj. Karlo Aszlanyi (L. Spierer). Inĝeniero venĝe promesas sep vangofrapojn al riĉulo.

8 - La Virineto en Bluo. Originale verkita de Mason Stuttard.
Diversspeczaj noveloj, amuzaj kaj seriozaj.

9 - Brulanta Sekreto. Stefan Zweig (K.R. & P. E. Schwerin).
Streĉaj noveloj pri la homa psiko.

10 - Kiso de la Reĝino. I. F. Naĵvin (D. Staritsky).
Aventuroj en Belga Kongo.

# NIA VOĈO

DUMONATA GAZETO

1a Jaro - N-ro 6a
- Oktobro 1951 -

FONDITA 1922

ORGANO DE LA JUNULARA SEKCIO
DE
REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA
A. S. P. C.

ADRESO : 19, av. Montjoie, BRUSELO

Respondeca redaktoro : J. Verdier.


## 36ª Universala Kongreso de Esperanto

München, 4/11 Aŭgusto 1951.



**Dum la Somera Universitato**

de dekstre maldekstren : Prof. E. Privat, Rektoro Söderberg, Prof. Canuto kaj edzino, Prof. Laurat, Prof. Lapenna, S-ro Egenter, Prof. Sirk.

*Foto Apel. Kliŝo afable pruntedonita de « Esperanto Kurier ».*

# REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA

ASOCIO SEN PROFITA CELO

*Prezidanto* : D-ro P. KEMPENEERS, 19, avenuo Montjoie, Bruselo.

*Vic-Prezidanto* : S-ro M. JAUMOTTE, 44, avenue De Bruyn, Wilrijk-Antwerpen.

*Generala Sekretario* : S-ro Cl. VANDEVELDE, 178, Peter Benoitlaan, Merelbeke.

*Sekretario* : S-ro J. VERDIER, 78, avenue Marie-José, Woluwe-Saint-Lambert-Bruselo.

*Kasistino* : S-ino J. PLYSON, 185, rue Jourdan, Saint-Gilles-Bruselo.

## KOMBINATAJ KOTIZOJ

## Reĝa Belga Ligo Esperantista kaj Universala Esperanto Asocio

| | A. | B. | C. |
|---|---|---|---|
| I. *Simpla membreco* (enhavas membrecon al la loka Grupo — se ekzistas — al la Ligo kaj al la internacia organizaĵo; rajtigas ricevi la nacian gazeton « Belga Esperantisto » kaj la internacian kupenaron por servoj) ... ... ... ... | 25,— | 50,— | 100,— |
| *Familia membro* (same, escepte la gazeton) ... ... ... ... | | | 50,— |
| II. *Membreco kun individua aliĝo al la internacia organizaĵo* : | | | |
| a) *Membro kun Jarlibro* : kiel simpla membro; ricevos krome la Jarlibron kaj ĝian aldonon ... ... ... ... ... ... ... | 75,— | 100,— | 150,— |
| b) *Membro Abonanto* : kiel membro kun Jarlibro; ricevas krome la monatan internacian gazeton « Esperanto » ... | 165,— | 190,— | 240,— |
| c) *Membro Subtenanto* : kiel membro abonanto; pagas pli altan kotizon por helpi la movadon ... ... ... ... ... | 250,— | 275,— | 350,— |

III. *Bonfaranta Membro* memvole aldonas almenaŭ 25 fr. al sia kotizo, speciale por helpi al R. B. L. E.

Pagu al via loka grupo; se ne ekzistas, al poŝtĉekkonto 1337.67 de Reĝa Belga Ligo Esperantista.

A. Kadetoj (ĝis 18 j.); B. Junuloj (ĝis 21 j.); C. (21 j. kaj pli).

## BELGA ESPERANTO INSTITUTO
Koopera Societo

*D-ro L. L. Zamenhof, 1859-1917. Aŭtoro de Esperanto.* — Reproduktaĵo sur poŝtkarto, de la bildo de nia Majstro pentrita kaj donacita al Internacia Esperanto Muzeo, Wien, de artpentristo Ach. Bentos. Eldono « Esperanto », Oostenstr. 26, Antwerpen. Prezo : Fr. 2.—. La sama bildo estas havebla kiel vera fotografaĵo. Prezo : poŝtkartformate Fr. 10,—; 24 x 30 cm., Fr. 65,—; 30 x 40 cm., Fr. 100.

Imp. LIELENS, s.p.r.l., 18, rue de la Princesse, Brux. — Tél. 21.10.98